

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 4 N-ro 1 (12) aprilo de 2005

## NOVAĴO

### Grava decido por Gora kaj Herzberg am Herz

En la 19-a de marto 2005, sabate, la urbestroj de du urboj: Tadeusz Wrotkowski el Góra en Pollando <burmistrz@gora.com.pl> kaj Gerhard Walter el Herzberg am Herz en Germanio <buergermeister@herzberg.de> interkonsentis, ke komencas realigi projekton, kiu celas praktikan uzadon, per la civitanoj de ambaŭ urboj, la neŭtralan pontlingvon Esperanto. Tielmaniere oni celas vigligi la urbpartnerecon reduktante la komunikadbaraĵojn.

La tutan projekton gvidas kaj respondecas Peter Zilvar el Interkultura Centro en Herzberg <esperanto-zentrum@web.de> de pola flanko helpas Andrzej Szczudlo <aldand@o2.pl>. La gratulmesaĝoj por ambaŭ urbestroj estas bonvenaj kaj similaj agoj konsilataj.--- Andrzej Kiszkiel raportis. [detalo pri tiu okazo legos en la venonta numero]

### Ideo de urbestro

Ankaŭ dum pasintjara UK en Pekino urbestro de Vilnius Arturas Zuokas ĵetis ideon sendi leterojn / invitilojn al diversaj landoj por instigi plimultajn esperantistojn de tiuj urboj kaj landoj veni al la jubilea UK en Vilnius. Tiu propono validas. Vilniusa urbestro pretas sendi leterojn al ali-landajn urbestrojm peti ilin helpi al lokaj esperantistoj aranĝi vojaĝojn al Vilnius, instigi pli abundan partoprenon en jubilea UK.

Kompreneble, tio plej verŝajne havas sencon nur por tiuj urboj, kie urbaj administracioj havas iajn kontaktojn kun lokaj Esperanto-organizaĵoj kaj individuoj, kie jam oni scias pri ekzisto de esperantistoj kaj ilia agado.

Do, se estas tiaj eblecoj en via urboj, bonvolu informi Litovan Esperanto-Asocion pri deziro, ke via urbestro ricevu tiun letero-inviton, kaj ni aranĝos la aferon kun urba administracio de Vilnius. Ĉiukaze dezirinde havi pli multe da informoj pri viaj kontaktoj kun koncerna urbestraro, agado k.s. --- Povilas Jegorovas, prezidanto de Litova Esperanto-Asocio <litova.ea@mail.lt>.

Al la ideo la komisiito proponis, ke la urbestro unue konsideru la ĝemelajn urbojn de Vilnius por realigi ĝin, kaj aranĝu la renkontiĝon de la urbestroj partoprenontaj en la 90-a UK kaj ilian ĉeeston en la 2-a kunveno pri Ĝemelaj Urboj eble okazota.

### Tamen kontentiga kvankam nealta

N-ro 11 kaj n-ro 12 Esperanto, 2004 sekve publikigis enketrezulton faritan en junio 2003. Mi neatendite ĝojis pro apero de ĝemelaj urboj en la rezulto. Mi estis kontentiga kvankam ĝi nur havis 640 respektivajn poentojn, ĉar la projekto siatempe ĵus funkciis unu jaron. Tia rezulto montris, ke la agado "Ĝemelaj Urboj" vekis sufiĉan atenton inter la legantoj de Esperanto. Tion pruvis analizo de d-ro Jukka Pietilainen aperinta en n-ro 1 Esperanto, 2005. En ĝi li menciis, ke novaj legantoj de la revuo ŝatas ĝemelurbojn, ke la maljunaj legantoj interesiĝas pri ĝemelurboj, kaj ke al virinoj aparte plaĉas materialoj pri ĝemelurboj. ---Wu Guojiang

## Invito al Seminario de Ĝemelaj Urboj en Rigo

Riga klubo "Verda Ondo" de Latvia Esperanto Asocio organizas la 15-an Internacian Esperanto Kongreson (15-a IEK) kiu okazos samtempe kun Baltiaj Esperanto Tagoj (BET-41) en Rigo 14. – 22.07.2005. Kadre de BET-41 kaj 15-a IEK mi kore invitas vin partopreni renkontiĝon de reprezentantoj de ĝemelurboj de Rigo. Dum la renkontiĝo oni planas: (1) organizi seminarion okazonta la 17-an de julio "La rolo de Esperantistoj en kunlaboro de ĝemelaj urboj" kiu enhavos: (a) interŝanĝo de spertoj inter esperantistoj de ĝemelurboj de Rigo pri kunlaboro kun urbaj instancoj; (b) referaĵo de respondeculo de Riga Urbodomo pri kunlaboro kun ĝemelurboj; (c) proponoj al ĝemelurba kunlaborplano por venontaj jaroj. (2) Akcepto ĉe Urbestro de Rigo.

Estus tre bone se vi tiun ĉi informon povus prezenti al oficisto de via Urbodomo kaj inviti ankaŭ lin (ŝin) al nia renkontiĝo. Se via vizito estos fruktodona, la organizanto kontaktos Urbodomon de Rigo kaj igos ilin skribi oficialan invitilon al via Urbodomo. Kontaktu s-inon Mara Timermane (Adreso: Kr.Valdemāra 145/32, Rīgā, LV-1013. Telefono: 9115413, rete: mtimermane@hotmail.com)

## Gratulo el ĝemelurbo al Luoyang, okazejo de la Ĉina Esperanto-Forumo

Inter la 1-a kaj 3-a de januaro la Ĉina Esperanto-Forumo okazis en la urbo Luoyang. Ĝi speciale ricevis la gratulajn mesaĝojn de s-ro HARADA Hideki el la japana ĝemelurbo Okayama de Luoyang krom tiujn de s-ro Renato Corsetti, prezidanto de UEA, kaj s-ro HORI Yasuo, prezidanto de KAEM, kaj de la enlandaj organizaĵoj kaj individuoj. S-ro HARADA partoprenis la 89-a UK kaj estas prezidanto de Okayama Esperanto-Societo. Li en sia gratulomesaĝo kore esprimis tiel: "…mi esperas ke ĝi sukcesos kun fruktdonaj rezultoj per multe da partoprenantoj. Mi tre bedaŭras, ke mi ne povas partopreni ĝin, ĉar tro malfrue mi sciiĝis pri la seminario. Se la seminario laŭvice okazos en la venonta jaro, 2006, bonvolu informi al mi, plej malfrue, ĝis la fino de oktobro venontjare. Ĉar mi, kiel ĝemelurbano de Luoyang, ege deziras viziti tiun urbon kaj konatiĝi kun tieaj esperantistoj. Verŝajne tion samopinius niaj membroj de Okayama Esperanto-Societo. Kelkaj el ili dezirus partopreni la seminarion kune kun mi…".

# La laboro pri Ĝemelaj Urboj en la festparolado

La 19-an de marto Tianjin-a Esperanto-Asocio (TEA), Ĉinio, okazigis specialan kunvenon por festi la 20-an jubileon de TEA kaj la 5-an kongreson de TEA. La agado pri ĝemelaj urboj, kiel unu el ĉeflaboroj, estis resumita en la festparolado. S-ino Tan Xiuzhu, prezidantino de Ĉina Esperanto-Ligo, ĉeestis la festadon.

## La projekto en gazetoj

1. En n-ro 11 kaj n-ro 12 Esperanto, 2004 aperis enketrezulto pri rubrikoj de la revuo, ĝemelurboj eniris en legantojn kaj fariĝis temo voĉdonita. S-ro Jukka Pietilainen kvarfoje menciis ĝemelurbojn en sia analizo aperinta sur paĝoj 12 kaj 13 en n-ro 1 Esperanto, 2005, kaj detale montris la pozicion de ĝemelurboj en diversaj grupoj de la legantoj en la aldona tablo.

2. N-ro 1-2 Informilo de ĈEL, 2005 estis raporto pri la estrara kunveno de Changchun-urba Esperanto-Asocio. En ĝi menciiĝis gratuloletero kaj poŝtkarto el Esperanto-Societo en la japana ĝemelurbo Sendai.

3. Okaze de Internacia Virina Tago (la 8-a de marto) por 2005 s-ro Wu Guojiang en la nomo de la komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" rutine publikigis en kelkaj diskutolistoj siajn salutvortojn al esperantistino, precipe al tiuj en ĝemelaj urboj, N-ro 3-4 Esperanto Aktivas, 2005 monata bulteno de Xi'an Esperanto-Asocio, Ĉinio, ĝustatempe aperigis ĝian tuton.

4. Fine de 2004 Tianjin-a Esperanto-Asocio, Ĉinio, ricevis la leteron kun la bela novjara karto el sia korea ĝemelurbo Inchon. En ĝi la Inchon-filio de Korea Esperanto-Asocio esprimis, ke ĝi planos sendi delegacion viziti Tianjin. Tiu informo aperis en n-ro 1 bulteno de TEA, 2005.

## Reagoj al la projekto kaj sia reveto

1. Eni Alvim de Oliveira, esploristino ĉe Instituto Nacional de Pesquisas Espaciais (INPE) – National Space Research Institute, en la urbo São José dos Campos, ŝtato São Paulo, Brazilo: Estimata S-ro Wu Guojiang, Mi aliĝis al UEA ĉijare kaj skribis ĝin por peti informojn pri la projekto "Ĝemelaj Urboj", gvidata de vi, kaj S-ro Osmo Buller afable respondis al mi. Pro tio ke: a) estas konstanta laboro inter Ĉinio kaj Brazilo pri spaciala esplorado, nome la konstruado de satelitoj; b) mi laboras en INPE kaj loĝas en São José dos Campos; c) INPE ricevadas ĉinajn esploristojn (ĉisemajne estas 30 ĉi tie!), kaj brazilaj esploristoj vojaĝadas al Ĉinio, mi dezirus profiti la okazon por scii: 1. kiel la projekto funkcias; 2. kiuj brazilaj urboj havas ĝemelajn urbojn, kaj ties nomojn; 3. kiel partopreni la projekton. Mi ankaŭ tre ĝojos ricevi la retan bultenon, kiun vi redaktas.

2. E-Redakcio de Ĉina Radio Internacia: Kara amiko, Regule atingas nin viaj informiloj pri Ĝemelaj Urboj, kiuj komprenble estas bezonataj. Ni de tempo al tempo uzas iujn elektiajn. Ni kore dankas al vi pro la kontentiga kunlaboro kaj esperas pli bonan kunlaboron en la nova esperplena jaro 2005.

3. S-ro Manfred Westermayer el Gundelfingen en Germanio, sekretario de Asocio de Verduloj Esperantistaj (AVE): Kara WU GuoJiang, dankon - mi kopias la tekston simple en la nunan mesaĝon. Sed povas esti, ke la germanaj specialaj literoj ne alvenos ĝuste ĉe vi. Bonvolu pardoni min pro tio. Ĉion Bonan.

4. HASHIGUCHI Shigejuki el Hashi en Japanio: Estimata s-ro WU Guojiang: Ĝoje mi legis informilon la lastan, Koran Dankon! Mi elkore atendas la venontan numeron, kaj dankas vian laboron.

5. S-ro Moliere Ngangu, fondinto de Afrika Turismo "Congotour" en Kongo: Mi nur volas peti ĉu tio eblas ĝemeligi mian urbon Kinshaso. Malgraŭ mi dum du jaroj ne plu loĝas hejmlande, mi studas turismon kaj kulturon en Pollando. Sed tio ne malhelpas min havi akuratan kontakton kun mia lando kie restis la tutan komitatanon de Afrika Turismo. Nia turisma ministerio en Kongo elektis min kiel komisiito pri kontaktoj eksterlande. Du el miaj kontaktoj jam fruktdonis, do nia ministro pri turismo estas invitita viziti Pollandon kaj Ĉinion kun sia delegacio, post Pollando, mi mem akompanos ilin al Ĉinio. Do, se tio eblas, ni eĉ povus intervidiĝi surloke por povi diskuti pri nia ĝemeliĝo.

6. S-ro LEE Jung-kee , Prezidanto de Korea Esperanto-Asocio: Estimata S-ro Wu Guojiang, kun danko mi ricevis vian leteron rilate al ĝemelaj urboj. Domaĝe, ankoraŭ ne viglas tiu kampo en Koreio, sed mi kun aparta atento cerbumos pri ĝemelaj aferoj.

7. S-ro Ch. Enkhee, vic-prezidanto de Mongola Esperanto-Societo: Estimata samideano Wu Guojiang, Multajn dankojn al vi pro tio, ke vi regule sendas al ni interesajn novaĵojn pri la projekto Ĝemelaj urboj.

8. S-ro Cyriel van Dijk el Nederlando: Estimata samideano Guojiang Wu, Ĉe la komenco de nova rivoluo de "nia" mondo ĉirkaŭ la suno, mi dankas vin pri via interesa retletero. Leginte ĝin mi volonte partoprenas en vian ĝuon koncerne akiritajn kaj atingendaj agocelojn. Deziras ĉion bonan al vi kaj ĉiuj koncernataj!

9. S-ino Sigmond Julia el Cluj-Napoca en Rumanio: Kara Amiko Wu Guojiang! Mi havas planon, aŭ pli bone dirante: sonĝon. Nome: organizi en 2005 en Cluj-Napoca, Rumanio, antaŭ (aŭ eble nur post?!) UK en Litovio, renkontiĝon kun niaj geamikoj el la ĝemelurboj de Kluĵo! Tiel aspektas la afero, ke ni rajtas esperi, ke ni sukcesos. Sed tiu plansonĝo ankoraŭ estas nur en "ova" situacio. Kiam io jam estas pli certa, tuj mi sciigos vin, ke vi publikigu en via Informletero.

10. Viktor Payuk el Usono: Estimata samideano! Mi, eksa prezidanto de Ukrainia E-Asocio kaj dume ĈD de UEA en Ukrainio, nun translokiĝis al Usono, Chikago. Evidentiĝis, ke ĉi urbego havas 24 (!) fraturbojn. Do, oni elektis min en nia klubo kiel sekretario kaj samtempe mi redaktas la lokan E-bultenon, en kiu mi intencas publikigi ĝeneralajn informojn pri ĉiuj ĝemeloj kaj historion pri E-movado en ili. Konsideru, ke mi aliĝis (kune kun nia E-societo) al via programo.

11. Siegfried Linke el Halle en Germanio: Estimata s-ro, vi konstante sendas al mi informojn pri la partnerurbaj aferoj. Pro tio koran dankon!

## URBA STILO KAJ TRAJTO

Urba historio

Weston-super-Mare (ŭestonsupamea), Anglio, situas ĉe latitudo 51.35 norde, kaj longitudo 2.98 okcidente . Ĝi estas feriejo, proksimume 35 kilometrojn sudokcidente de la mondfama havenurbo Bristol (bristl). Romkatolika episkopo nomis ĝin Weston-super-Mare, en la jaro 1348, signifante per la latina lingvo ke malgranda vilaĝo situas borde de la maro. Tiel li diferencigis ĝin de aliaj vilaĝoj nomitaj "Weston", t.e., okcidenta loĝloko. Tiu episkopo loĝis proksimume 40 kilometrojn enlande kaj veturo tiutempe estis ege malfacila. La estuaro aspektis kiel maro tiutempe, kaj nuntempe la publiko, komparante la feriejon, Weston-super-Mare, kun la norma ĉemara feriejo, mokeme diras ke la nomo estu "Weston-super-Mud" (koto). Kompreneble, la granda rivero, Severn (sevn), estante la dua plej longa rivero en Anglio, portas multe da grunderoj dum ĝi fluas al la vera maro, kaj kiam la du aferoj renkontiĝas, la grunderoj falante formas multe da koto. Tamen tio, siavice, formis longan, larĝan plaĝon, sur kio feriante sunbaniĝas kaj ludas kun siaj gefiloj. La vertikala diferenco inter alta kaj malalta tajdo estas la dua plej granda en la mondo, kaj la plaĝa deklivo estas tiom milda, ke tajdo envenas rapidege; do estas danĝere marŝi enkote ĉar infanoj povas esti enkaptita. Helikoptero aŭ savboato jare elplukas kaptiton. Laŭlonge de parto de la

plaĝo, aŭtoj permese parkas. Kelkaj naivaj veturigistoj parkas tiom apude al la koto, ke tajdo envenas, iliaj aŭtoj kovriĝas de marakvo. Lokaj garaĝistoj perlaboras multon eltirante ruinigitajn aŭtojn. Sed Weston-super-Mare, malgraŭ tio, estas tiom populara feriejo, ke miloj da feriantoj venas jare, pligrandigante la nombron da enloĝantoj, de 70 mil ĝis 100 mil, speciale somere, por la monfama Beach Race (bich rejs). Tio estas surplaĝa konkurso inter motorciklistoj, kiuj rajdas trans serio da nove konstruitaj, sablaj montetoj, laŭlonge de la plej populara parto de la strando. La urbo estas ankaŭ bonega centro por rondirantoj, ĉar de ĝi oni povas viziti belegajn kamparajn kaj histoririĉajn lokojn, ne nur en Anglio, sed ankaŭ en Kimrio – kion oni atingas facile per du modernaj pontoj, apud Bristolo, trans la rivero, Severn..

Esperanto-movado

Esperanto-Rondo de Woodspring (WER) estas Esperanto-organizaĵo de Weston-super-Mare Ĝi konsistas el Peter Bowyer, David Curtis, Dick Hinton, Joyce Hinton, Marie King, Jim Mathias kaj Maja Wellard. WER estas aktiva. Ĝiaj membroj ĉiusemajne kunveniĝas. Ĝi reagis al la voko pri la centjara datreveno de la fondo de EAB, igis la urbestron havi intereson pri Esperanto, kaj vekis atenton de loka komunikaĵo-rondo al Esperanto. Unu membro per Esperanto sukcesigis viziton al Rusio. Ĝis nun WER jam gvidis Esperanto-vizitantojn de Francio, Germanio, Rusio, Bulgario, Nederlando, kaj Japanio. WER aldonis, ke iuj ajn povas lerni Esperanton interrete, trovinte la retpaĝon Free Esperanto Course, aŭ telefoninte al David Curtis.

Ĝemeliĝaj urboj

Weston-super-Mare estas tenanta intiman rilaton kun la germana ĝemelurbo Hildesheim. Ĝiaj membroj ricevis ekzemplerojn de Pontoj. Tio estas jara revuo, enhavanta kontribuojn de Esperanto-kluboj en Hildesheim (Germanio) kaj ĝiaj ĝemelurboj: Weston-super-Mare (la hejmo de WER), Angouleme (Francio), Halle (Germanio), Gelendjik (Rusio), Rostov-Don (Rusio) kaj Pavia (Italio). Hans Fechler, de Hildesheim, ekredaktis la revuon en 1992, kaj grade la afero pliboniĝis pro bele klaraj bildoj, ĝis nivelo tiom impresa ke WER ceremonie montris ĝin al Konsilanto Roger Perks, la urbestro de Weston-super-Mare, kaj donis al li ekzempleron kun 80 paĝoj, A4-ampleksaj. Alie WER prezentis lin kiel redaktoron de Pontoj al la nova urbestro, Konsilantino Astra Brand, kiu volonte konsentis esti intervjuita de WER antaŭ ol la venonta numero de la revuo aperos dum la restado de Hans Fechler en Weston-super-Mare.[el la raporto de David Curtis, li entute sendis al la redakoro kvar kontribuaĵojn. Ili aperos en la venontaj numeroj]

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Projekto de ISIC el Kamerunio

La urbo Douala troviĝas en Kamerunio, kun siaj Eesperanto - medioj, kluboj, asocio, kaj eventuale instituto "ISLC" (Supera Instituto pri Lingvoj en Kamerunio) kandidatas. Ĝia projekto konsistas el: 1. kunlaboro, amikeco, liberaj kaj reciprokaj vizitoj de ambaŭflankaj landoj k instaloj. 2. Laŭeble partopreno al la aranĝoj de ĉiu urbo fare de alia ĝia fora kunlaboranto. 3. Ideo-interŝanĝo pri kulturo, instruado, edukado, scienco; 4. Helpoj al la malfortaj kunlaborantoj; 5. Provizoj el iloj, materialoj, aparatoj, komunikiloj, transportilo/veturiloj surteraj, maraj ktp al la povra flanko neevoluinta; 6. Evoluigo, beligo, feliĉigo de la neevoluinta flanko fare de la pli forta.

Pri kulturo en Douala -- Studado de lingvoj Esperanto kaj kelkaj okcidentaj kaj orientaj, kaj de diversaj kulturoj, same kiel aliaj materioj. (1) Necesas profesoroj, fakuloj, volontuloj; (2) Endas

modernigi la instalojn; (3) Necesas laboratorioj; (4) Necesas asekuro kaj jura protekto; (5) Necesas kontraktoj. Kontaktu Jean-Marie MBOGE MBELE <j_mboge@yahoo.com>

### Reago el Manfred Westermayer al Eŭropa Lingvo-Premio por 2004

iu sinjoro Hellwig invitis nin esperantistojn en Germanio partopreni la konkurson por la "Europaeisches Sprachensiegel" (eŭropa lingvo-premio). La ĉefa celo ne estas gajni la monsumon (entute 6.500 EUR), sed montri ke Esperanto vivas, funkcias kaj ludas bonan rolon en la socio. Se iu volas kontribui - aŭ eĉ transpreni la taskon gvidi unu el la projektoj mi tre ĝojus. La ĉijara temo estas: "Sprachenlernen und sozialer Zusammenhalt - Chancen fuer Erwachsene" do: lernado de lingvoj kaj socia kunligiteco - bonŝancoj por plenkreskuloj. Mi opinias, ke nia komuna temo "Uzado de Esperanto por interkompreniĝo de civitanoj el diversnaciaj ĝemelaj urboj" aparte akordas kun la ĉi-jara temo. Do, ni devus verki artikolon en la germana kun priskribo de projekto(j) cele al tiu.

Atentu: Unu el la nepraj kondiĉoj estas ke lernado de lingvoj estas unu el la celoj de niaj projektoj. La kriterioj - la projekto devus esti: (A) ampleksa; (B) aldona utilo en la nacia kunteksto (lernado de lingvoj); (C) motivigo al instruado kaj lernado; (D) nekutima kaj kreiva; (E) eŭropa dimensio; (F) transdonebla kaj ekzemplodona (bonvolu legi mem sur la TTT-ejo: www.na-bibb.de/eu-sprachensiegel/)

Ni povus sendi plurajn projektojn. Ĝi donus la ŝancon ke Esperanto pli ofte aperas sur la listo de la projektoj. Ĉi-tie mi mencias 3 eblajn.

1. En 2001 mi verkis ĉi-rilatan artikolon (ĝemelaj urboj, ktp.), alkroĉita en simpla ASC-formato, kiu aperis en ĵurnalo por komunumaj konsilistoj "AKP" 2001-1, p.18. (AKP = Alternative Kommunalpolitik, Bielefeld). Kompreneble tiu-ĉi nur povas esti materialo por verki. Mi ja scias, ke vi el Hildeshejmo verkis ampleksajn broŝurojn - kaj eble vi jam havas projekto-priskribon kiu preskaŭ taŭgas por sendi ĝin.

2.Alia daŭra projekto estas nia trans-lima kunlaboro inter la Esperanto-Grupoj (ĉe ni kun Francoj kaj Svisoj) - estus bone listigi la ekzistantajn translimajn Esperanto-Grupojn (ĉu jam ekzistas listo - kun modela raporto?)

3.Rondvojaĝoj de eksterlandaj esperantistoj (Wolfgang Loose).

PS: kvankam temas pri germana afero mi skribas en Esperanto, por ke s-ano WU komprenas pri kio temas; kaj ni povus mencii ke ĉijare la unua kunveno de la ĝemel-urba projekto uzante Esperanton okazos en Pekino.

## SERVA PLATFORMO

### Bulgario

Hasan Yakup <hasanyakup@yahoo.com >el Bugario li interesiĝas pri la fenomeno ĝemeliĝo kaj pri ĝia specifo kaj efektivigo. Fine li interesiĝas pri eventuala urbo por ĝemeliĝo kun la urbo kie li nun estas. Li povus kune iri al la detaloj pri la ĝemeliĝo kun li aŭ ŝi se iuj povos evoluigi la temon.

### Francio

La Esperantistoj de la grupo de Angers (Francio) ŝatus starigi rilatojn kun Esperantistoj el la urboj ĝemeligitaj kun Angers. Tiuj urboj estas: Haarlem (Nederlando), Wigan (Britio), Pisa (Italio), Bamako (Malio), Osnabrück (Germanio) kaj (rilate la Angers-regionon) Veszprém

(Hungario). Kiel komenco de agado, ni pensis pri komuna fotado en la venonta UK (en Vilno). Se ni tie sukcesus renkonti Esperantistojn el pluraj ĝemel-urboj, tio estus konkreta pruvo, ke Esperantisto utilas al translima amikeco. Pruvo al kiu? Eble al niaj urbaj instancoj, ktp. Se ne foto, jam amikaj renkontiĝoj kaj diskutoj estus bona komenco, cele plani estontajn rilatojn. en Wigan kaj Bamako. Tamen certe estas ne nur delegitoj de UEA, sed ankaŭ ne-delegitoj. Kontaktu s-ron Laurent Vignaud <Laurent.Vignaud@wanadoo.fr>

## VI LEGOS

En la venonta numero vi legos la prelegon de Kelly Londoni pri la Esperanto Movado en Zimbabvo dum sia vizito al la germana ĝemelurbo, kaj la reagon de s-ro Hans Fechler al la jara raporto de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2004.

*************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn